世界语

AE235

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 17/09/2015 Ducent tridekkvina eldono 17/09/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



SENDATA AL 304 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

世界语



# KVARJARA !

## La Novaĵletero (AE)
## « La Aŭstraliaj Esperantistoj »
## naskiĝis 20/09/2011.

Dankon al miaj karaj kontribuantoj.

Sen vi, AE ne povus ekzisti.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



Estas pli ol 131,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 88. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Rilata Subpropozicio. A.

La rilata subfrazo (= relative subordinate clause) estas plena propozicio kiu en sia tuto difinas substantivon (kelkfoje adverbon) en alia propozicio same kiel adjektivo difinas ĝin. En la procedo unu elemento de la subfrazo reprezentas aŭ ripetas la difinatan substantivon de la alia (ĉeffraza aŭ eĉ subfraza) propozicio. La koncerna elemento en la koncerna subfrazo nomiĝas la rilata pronomo, kaj kutime estas substantiva, adjektiva, aŭ adverba k-korelativo, ekz. "… la tramon, kiu ĵus foriris"; "Floroj, kiajn mi neniam antaŭe vidis"; "dum la tempo, kiam mi loĝis en Ĉinujo"; "…la viroj, kun kiuj mi parolis"; "Mi forgesis la kvanton, kiom mi devos aĉeti"; "Ili tiel konstruis, kiel iliaj patroj". La substantivo (aŭ adverbo) difinata nomiĝas la antecedento. Kelkfoje la tuta ĉeffrazo estas la antecedento, en kiu kazo la rilata pronomo estas "kio", kiel en "Ili ne sukcesis levi la aŭton, kion mi antaŭvidis"; "La aŭtomotoro ne funkciis, kio ruinigis nian ekskurson".

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

**Bona ideo estas unu afero.**
**Vivigu ĝin estas alia afero.**
Oni devas agi aŭ stagni.



Se oni prokrastas ĝis perfekto,
oni faras nenion, ĉar atendas la morto.
Ne Ĉargrenu! sed Parolu!, Skribu!

**Esperanto** kreatis por faciligi homan komunikadon. Ĝi estis signifa venko de la realaĵoj de homaj komunikadaj problemoj.

**Klingon**, aliflanke, kreatis esence pro ĝuste la kontraŭa tialo: por esti lingvo ne de nia mondo. Do ĝi havas malfacilajn kaj strangajn sonojn, kaj gramatikon kiu similas neniun el la ofte konataj lingvoj internaciaj. Ĝi estas lingvo de la alimondaj estaĵoj de TV.

# La broŝuro kaj la libreto

estas haveblaj ĉe la Esperanto-Domo.
Prenu kopiojn por interesigi la homojn.
Ni havas la propagandilojn.
Mi petas ke vi uzu ilin.
Roger Springer









# Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** devas antaŭmendati de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: janowylles15@gmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;



Kam Lee kaj May O'Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4a de Novembro.
Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.



# ROGER REIROS AL ĈINUJO 中国武汉

FAMILIA VIZITO DUM DEK SEMAJNOJ



Mi kunportos la komputilon kaj daŭrigos sendi la Novaĵleteron al vi el Wuhan, Ĉinujo.
Ĉinujo malebligis u-tubajn uzadojn. Do mi ne povos kopii kaj meti bildojn el u-tubo en AE.
Skribu! sendu novaĵojn, kaj bildojn, plendojn, ideojn, ktp. Ankoraŭ je rspring@tpg.com.au
Ne estas anglaj parolantoj kie mi restos en Wuhan.
Mi spertos la lingvajn malfacilaĵojn de "Babel." Roger Springer

谢谢你。 Danku, danku vin



# Esperanto-Muzeo de Subirats apud Barcelono

Amike, Heather Heldzingen



Post la Universala Kongreso en Lille mi vojaĝis al Barcelono por viziti Esperantistajn amikojn Josep Francesa Sole kaj lian edzinon Mundetta. Unu tagon ni vojaĝis al kataluna vilaĝo Sant Pau d'Ordal kie troviĝas unu el la plej gravaj arĥivo-bibliotekoj de Esperantujo. Unue ni vizitis la domon de la vidvino de la fondinto (S-ro Luís Hernández Yzal) kiu invitis nin eniri kaj ofertis al ni lokan trinkaĵon nomatan "Chifi", kiu estas preparata uzante ciperon kiu estas subtera nukso de la valencia regiono.

En 1966 S-ro Yzal kiu estis apotekisto, inaŭguris ejon kiu estis la ĝermo de la posta Hispana Esperanto-Muzeo. Temis pri ĉambro ĉe lia apoteko. Li komencis dediĉi sian tutan liberan tempon kaj sian monon al pligrandigo de sia kolekto. Finfine li sukcesis konstrui la novan muzeon. Ĝi malfermiĝis en 1974. En tiu momento ĝi enhavis la plej bonan Esperanto-bibliotekon de Hispanujo kaj unu el la plej bonaj el la mondo. La muzeo enhavas pli ol 25,000 librojn kaj diversajn objektojn kaj publikaĵojn. La varoj inkluzivas Esperanto-vinon, argilaĵojn, poŝtkartojn, ĵurnalojn, pinglaĵojn, flagojn, afiŝojn kaj memoraĵojn.








# Esperanto? BONA IDEO! **Korespondantoj dezirataj!**

Mia nomo estas Daniel Rodolfo, Kubao, loĝanta en Bajamo, ĉefurbo de Granmo. Mi estas 20-jaraĝa kaj mi lernas Esperanton ekde 2014.

Dua letero.

Saluton al ĉiuj

Esperanto por mi estas la fonto, kiu akvumas la amikecon sur la homojn, ĉar amikeco estas la plej bela donaco, kiun homo povas proponi al alia homo, esperantisto al alia esperantisto. Esperanto rompas ĉiujn barierojn, kiuj disigas homojn, kaj kontribuas al pli bona interkompreniĝo.

Mi estas tre kontenta pro la foto (AE234) kiun vi sendis al mi. Vere mi deziras korespondi kun vi ĉiuj. Mi estas juna esperantisto kaj mi loĝas en Bayamo, ĉefurbo de Granmo.

Se vi deziras ni povos interŝanĝi vortojn. Mi volonte atendos vin.

BONVOLU!

Se vi deziras respondi al mi, vi devas utiligi la jenan retpoŝton aadrianflores@nauta.cu

Senpacience mi atendos vian respondon. Brakumojn por vi ĉiuj kaj viaj familioj.

Elkore salutas DANIEL.

# Esperanta Novaĵo en Hobarto (Tasmanio) Dum 2015.



La Hobarta Lingva grupo renkontiĝas ĉiusemajne ĉe Dr.Syntax-Hotelo (139 Sandy Bay Road, Sandy Bay, Hobart) 7.00 ptm, kaj poste kutime ĉe "Tuŝo de Azio"-kafejo (232 Sandy Bay Road, Sandy Bay) 8.30 ptm. Periodaj Esperantaj membroj estas Robert Budzul, Tim Warren, Oliver kaj mi.

Estas iom da interesiĝo pri lernado de Esperanto. Du studentoj, Jet kaj Thor, lastatempe vizitis la grupon kaj ili eklernis Esperanton antaŭ du monatoj per Duolingo. Ili povas iomete konversacii! Gratulon al Duolingo, ĉu ne? Virino nomita May ankaŭ interesiĝas pri Esperanto.

Du signifaj eventoj estas la vizito de Adynarana Machavarapu kaj la vizito de Jenny kaj Allan Bishop.

Adynarana estas pentristo kaj verkisto, kiu loĝas en la urbo Visakhapatnam, orienta parto de Barato. Li vizitis Hobarton dum Marto kaj mi estis lia ĉiĉerono dum li ekskursis al Mt Nelson-Rigardejo, Tasman Ponto, Bellerive, Baterio kaj aliaj lokoj. Plia informo pri li estas atingebla ĉe la retejo http://auscholargypsy.wix.com/auscholar#!homee/cmsz

Junion okazis la vizito de bonkonataj Melburnaj Esperantistoj Jenny kaj Allan Bishop. Mi estis ilia ĉiĉerono, dum ili ekskursis al la Huon Valo, Huonville kaj Cygnet. Meztage ni manĝis sur boatkafeo kaj ni manĝis fiŝon kaj terpomfritaĵojn. Unu memorinda momento estas, ke Jenny menciis, ke kelkaj

specoj de fiŝoj havas grandajn riskojn de malapero, do pro tio ni konscie evitis tiajn specojn dum nia meztagmanĝo!

Sekvantan tagon, Jenny, Allan, May, mi kaj studisto el Ĉinujo vizitis MONA (Museum of Old and New Art), kaj GASP, (Glenorchy Art and Sculpture Park), kiuj lokas en la norda parto de Hobarto.

Sendis Kam Lee



1) Sidante sur seĝo de ekstera parto de Dr. Syntax-drinkejo, Hobarto. Maldekstre al dekstre Tim Warren, Robert Budzul, Adinarayana kaj Kam. Adinarayna tenas unu el siaj pentraĵoj, kiun li pentris en Barato. Unu el liaj najbaroj estas pentrita en la pentraĵo, sed mi ne estas certa, ĉu li jam scias tion!
Ofte la Lingva Grupo renkontiĝas tie, Ĵaude 7.00 ptm.




2) Orienta flanko de Tasman-Ponto.
Adinarayana kaj Kam sidas en loko kiu antaŭe estis la orienta tera parto de la Pontoon ponto, kiu konstruatis antaŭ ol la Tasman Ponto konstruatis.
Mt Wellington lokas en la fono. Maldekstre kaj sur la alia flanko de la rivero estas la urbocentro de Hobarto.




3) Allan kaj Jenny Bishop kaj Kam staras apud flankvojeto, kiu ligias al la ĉefvojo inter Hobart kaj Huonville. En la fono estas la Huon Vala regiono kaj dekstre vidiĝas parto de la efektiva Huon Valo. La neĝkovritaj pintoj en la fono estas Hartz-Montoj.
4) Lingva grupa vespermanĝo dum la vizito de Jenny kaj Alan Bishop, Tuŝo de Azio- Kafejo, Hobarto. Kutime, Esperantistoj kaj parolantoj de aliaj naciaj lingvoj (ekzemple: Ĉina, japana, germana ktp.) ĉeestas.




5) Ĉe Wilkinson’s Point, kiu antaŭe rilatis al konstruado de la proksima Bowen-Ponto. La loko nun estas parto de GASP (Glenorchy Art and Sculpture Park) kaj malantaŭe estas paviliono, kiu signife superelstaras super la Derwent Rivero.







6) En la interno de la modernaspekta paviliono. Rimarkindaj estas la granda ruĝa fenestro, konkreta muro kaj granda travidebla fenestro.

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

## La Estraro informas

La nova komitato de la NSW-Federacio kunsidis pasintan vesperon ĉe la domo de Nicole.
Kiel nova vicprezidanto kaj kunvenestro ĝis Decembro, Gerry petis Roĝeron, la prezidanton, kiu baldaŭ ferios en Ĉinujo, kapti la okazon por prepari sian foriron. Roĝero feliĉe konsentis.
Do, la partoprenantoj estis Nicole Else, Dmitri Lushnikov, Ian Wylles, John Casey, Jonathan Cooper kaj Gerry Phelan.
Ili diskutis ĉefe la planadon de Zamenhof-Tago kiu okazos je Dimanĉo 13an de Decembro kaj la venontan Asocian Kunsidon ĉe Esperanto-Domo je Dimanĉo 4an de Oktobro.
Raportas Gerry Phelan, 13 Septembro,



## 3ZZZ Retradio Melburno

Pasintan Lundon la radiostacio 3ZZZ havis en sia programo intervjuon kun tre nova, el antaŭ du monatoj, juna sed tre entuziasma membro de la Melburna Esperanto-Asocio. James Douglass estas gradinto de la universitata studo de astrofiziko. Li studas ankaŭ la ĉinan lingvon simple pro interesiĝo pri lingvoj.
La radioprogramon krome plenigis legado de artikoloj en la internacia Esperanto-gazetaro, farita de Heather Heldzingen kaj Karlo Egger, kaj gramatika klarigo pri la genia verbsistemo de Esperanto, de Marcel Leereveld.
Esperantaj kantoj ilustris la programon.
La funkciuloj de la Esperanto-elsendoj en la stacio 3ZZZ alvokas al Esperantistoj membriĝi al la aŭskultanto-grupo per jara pago de dek aŭ dek-kvin dolaroj. Aliĝformularo haveblas ĉe la 3ZZZ retpaĝo www.3ZZZ.com.au.
Heather Heldzingen

# Se vi ne informas min, AE ne povas informi niajn 316 ricevantojn.

Sendu novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi dum mia foresto en Ĉinujo.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | ■ | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Unua Eldono 2011

# AUSTRALIAJ ESPERANTISTOJ

## Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni

Se vi trovas bonan informon sur la reto ktp, informu Aŭstraliajn Esperantistojn

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

NOVAN PROVAN NOVAĴLETERON POR AŬSTRALIAJ ESPERANTISTOJ
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵa letero.
Kondiĉo estas mallonga letero, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Via letero ne korektatos kaj vi repondecos pri ĝia enhavo.**
Tro longaj leteroj (pli ol ĉ. 100 vortoj) resendatos al vi por ke vi reskribu ĝin ĝis ĉ. 100 vortojn longa.

Sendu al rspring@tpg.com.aŭ
Sendu kopion vian "cc" al ivan@melburno.org.au;

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx